# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 12/01/2017 Tricentkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **682,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika Ekzerco 3.



En Esperanto ni parolas en frazoj, kiel en eŭropaj lingvoj kaj kiel en multaj neeŭropaj lingvoj. Ĉiu frazo montreblas per bildo, kvankam tio ne facilas pri abstraktaj bildoj. Sed la abstraktaj bildoj estas similaj al la konkretaj, kaj certe similaj en la konstruo de la frazoj.

Oni povas en bildo rigardi la partojn en certa vicordo, kiu dependas de la rigardanto. Kutime oni rigardas unue la plej gravan eron de la bildo, kaj post tio, en sisekvo, la aliajn partojn. Kutime la plej grava parto estas Substantivo, pri kiu ni montras kiun agon ĝi faras. Kvankam oni povas diri, ke la ago estas la gramatika centro de la bildo, tio estas nur pro praktikaj tialoj. La plej grava, kaj do tial ankaŭ la centro, de la bildo estas la Substantivo kiu faras la agon. En gramatiko oni nomas tiun plej gravan parton la Subjekto. Pri tiu Subjekto, la plej grava parto, la "pentristo" de la bildo ĉiam aldonas la agon kiun faras la Subjekto. La minimuma konsisto de tia bildo, de tia frazo, estas la Subjekto kaj la ago, kiun lastan gramatikan parton oni nomas la verbo aŭ, pli bone, la Predikato. La Subjekto ne povas sole formi frazon, kaj nek la Predikato povas sole formi frazon, kvankam en Esperanto, kontraŭe al plej multaj aliaj lingvoj, oni forlasas kelkfoje la Subjekton, kiam ĝi estas la sama radiko kiel la verbo. Kaj en unu kazo, la Imperativo, oni tre ofte forlasas la Subjekton se ĝi estas "ci" aŭ "vi".

Jen ekzemploj: La infano (= Subjekto) dormas (= Predikato). Dormis (= Predikato) ankaŭ la hundo (= Subjekto). Specialaj kazoj: Pluvas (= Predikato} el la plena frazo "La pluvo (= Subjekto forlasita) pluvas (= Predikato)". Venu (= Predikato) el la plena frazo "Ci aŭ vi (= Subjekto forlasita) venu (= Predikato)". (Daŭrigota). Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# ALIA PENSO PRI "FALFOLIARA"

Mia penso pri mia lasta artikoleto PRI FALFOLIARA





En la angla ni ne havas pluralon por haro. Sed en Esperanto ni uzas hararo por la haroj surkape. Do ĉu foliaro estas ĉiuj folioj sur arbo? Se jes la vorto falfoliara arbo priskribas tian arbon kiu perdas la foliojn en Aŭtuno. Kion la legantoj opinias? Terry Manley

## Reklamu viajn klubkunvenojn en nia novaĵletero





**Ne senditan informon ne povus aperi en la novaĵletero.**

Ne raportitaj eventoj rapide velkos el historio kaj memoro

Sendu la informon al AE, la novaĵletero, rspring@tpg.com.au




Penu agi por la bono, dum vi disponas tempon. Komunikoj N-ro 164

Estas danĝere havi la kapon ĉiam plena de revoj, sed la manojn senokupaj.

## Helpemaj Konsiloj .



Se mi trovas gramatikan eraron en la lingvo de spertaj Esperantistoj, ili ne plu rajtas senkulpigi sin dirante ke ili kopiis la eraron el P.A.G., malofte, aŭ el P.I.V., aŭ el alia vortaro aŭ verko gramatika, aŭ, ofte, el gazeto, ĉar ili nun povas elektronike trovi ĉiujn problemojn klarigitaj en la libro "Lingvaj Resondoj", verkita de Marcel Leereveld.

Ankaŭ malkleras diri ekzemple "Oh, se Kalocsay uzis tion, tio sufiĉas por mi por uzi ĝin", aŭ "Mi ja trovis tion en P.I.V., do ĝi ĝustas", ĉar ĉiuj spertuloj nature faras erarojn, kaj speciale ordinaraj vortaroj kiaj P.I.V. kaj la resto. Oni povas fidi la gramatikistojn etnajn, sed ne la Esperantajn. Blinde sekvi la konatajn Esperantistojn polucias Esperanton. Etnajn lingvistojn oni povas blinde kredi, ĉar ili kapablas scii ĉion perfekte per la etnaj vortaroj kaj gramatikaj verkoj. Se en etna lingvo oni faras eraron, aliaj etnuloj tuj reagas. Sed la Esperantaj spertuloj ne same tiom kapablas pri Esperanto, ĉar en etna lingvo ĉio registrita ĝustas sed en Esperanto malĝustaj vortoj kaj gramatikaĵoj svarmas pro tio ke la redaktistoj akceptas erarojn kaj evitindaĵojn mem estante ne sufiĉe kompetentaj pri la artefarita Esperanto. Redaktistojn oni enoficigas ne pro ilia kompetenteco en Esperanto, sed pro ilia libervola haveblo kaj siofero. La rezulto estas ke oni povas fidi la gramatikistojn etnajn, sed ne la Esperantajn. Oni do tre kritike devas rigardi la Esperanton de la Esperantaj verkistoj. Tiel, se oni estas sperta

Esperantisto oni daŭre devas mem plikompetentiĝi por ĝuste juĝi la lingvon de la sin mem elektintaj leĝdonantoj.

Kaj kial oni povas senkritike uzi la lingvon de etnuloj, kaj ne de Esperantistoj? La tialo al tiu kialo estas la fakto, ke etna lingvo, inkluzive de siaj reguloj, disvolviĝas kaj ŝanĝiĝas nature, kaj ĉiu ŝanĝiĝo, ĉu bona aŭ malbona, kaj preskaŭ ĉiam nenecesa, ĉiu ŝanĝiĝo fariĝas rapide oficiala, sen ies konsilo. Sed Esperanto ne povas permesi tion al si, ĉar ĝi tiel fariĝus neregula, esceptoplena, malpli facile lernebla, kaj ne plu fidinda. Ĝi perdus sian ekzistorajton, kaj fariĝus ludaĵo de amatoraj lingvismemuloj. Esperanto bezonas, sed ankoraŭ ne havas, komitaton de inventlingve kompetentaj konsilistoj, kiuj tuj ĉe apero de neakceptindaĵo avertas la Esperantistaron.

En tia situacio la Esperantaj kleruloj devas esti pli kleraj lingvistoj ol la etnaj, sed ne estas. Speciale la redaktistoj de Esperantaj gazetoj ofte agas nekompetente kaj diktatore, blinde akceptante la erarojn en aliaj gazetoj aŭ de tiel nomataj Esperantologoj, kaj krome blinde malakceptante ĝustajn Esperantaĵojn se tiujn ili neniam renkontis aŭ ne komprenas. Tio inkluzivas la aŭstraliajn redaktistojn, kaj ili, bonvole farante la redaktan laboron, ne havas la tempon plikompetentiĝi en Esperanto. Mi tamen devas mencii ke unu tia redaktisto aŭstralia, nome Roger Springer de Sidnejo, havas la nekutiman inteligenton kompreni tion kaj petas kaj akceptas la helpon de aliaj, kiuj havis la tempon penetri pli profunden en la gramatikon de nia lingvo. Longe li vivu!

*Marcel Leereveld.*

# La Granda Griza Urso



Iam estis viro. Multaj famaj fabelverkistoj komencis siajn historiojn per tiuj tri vortoj, ĉu ne? Kompreneble ne ĉiam per "iam estis viro", kelkfoje per " estis iam viro" kaj ofte per "viro estis iam", sed tio ne tre gravas por ĉi tiu nia interesega kaj bonega historio, kiu vere okazis antaŭ multaj jaroj, fakte antaŭ multege da jaroj.

Nu, tiu iama viro kompreneble ne plu vivas sur tiu ĉi belega tero, kiu nuntempe estas en iuj lokoj – kompreneble ne en ĉiuj lokoj – treege varmega. Sed kiam li vivis ĉi tie li estis de multaj homoj treege admirata pro sia arto fari belegajn fotografaĵojn. Sed li bedaŭrinde havis almenaŭ unu malfortecon. Li ŝatis priridi, eĉ priridadi tiujn multajn homojn, kiuj kredas je Dio reganta la tutan universon. Li ĉiam faris stultajn ŝercojn pri ili kaj fakte mokis Dion de tempo al tempo. Li estis konvinkita, ke la vivo daŭras nur de naskiĝo ĝis morto. Tre malnova kredo, ĉu ne? Malgraŭ sia bonega talento fotografadi li ne komprenis multon. Li ne pensis pri tiu fakto, ke iuj naskiĝas multe pli talentaj ol aliaj. Sed pro sia bonega fotografado li – malgraŭ ĉio – estis treege populara !



Kaj nun komenciĝas la historio, kiun vi tiom senpacience atendis: Kiel bonega fotografisto li iam iris al Kanado por tie fotografadi tiun eĉ tre belegan landon. Iun tagon, kiam li fotografadis, li rimarkis, ke sekvas lin grandega Griza Urso. Nia bonega kaj populara fotografisto kompreneble

komencis iom timi, verŝajne eĉ timegi. Li do plirapidigis siajn paŝojn, sed bedaŭrinde por li ankaŭ la grandega Griza Urso plirapidigis siajn paŝojn. Okazis do tio, kio ja devis okazi, ĉu ne? La grandega Griza Urso renversis la bonegan fotografiston tiel, ke la bonega fotografisto kuŝis sur la tero rigardante al la ĉielo. Kaj jen li interplektis siajn manojn kaj komencis alvoki Dion:





"Karega Dio, bonvolu savi min de tiu ĉi terura Griza Urso!" Respondis Dio: "Kion vi atendas de Mi? Vian tutan vivon ĝis nun, vi mokis Min kaj miajn sekvantojn. Kio igas vin kredi, ke vi meritas ke Mi savos vin?" La bonega fotografisto kriegis: "Sed bona Dio, almenaŭ igu la grandegan Grizan Urson bona kristano!"



Kaj tiel okazis. La granda, eĉ grandega Griza Urso tuj interplektis siajn manojn, rigardis malsupren al la bonega fotografisto kaj diris: "Bonega Dio, mi elkore dankas, eĉ dankegas, Vin pro la manĝaĵo, kiun Vi nun donas al mi !"

Bob Felby

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da senpaga kafo

Estas somero, ĉiutage ĉiujn 20 minutojn venas alia pramŝipo kun 1,200 vizitantoj el la urbo. Manlio estas tre populara loko por la tagvojaĝantoj de Sidnejo kaj ankaŭ la mondo.
Ĉe nia kunveno, la sepa de Januaro, atendis la kutimaj 5 Esperantistoj, Roger Springer, Chris Holliss, John Casey, Eunice Graham, kaj Ian Wylles.
John, estrarano de la Esperanto-Federacio de NSK, informis min ke mi nun estas dumviva ano kaj kunportis al mi la EFNSK-an gratulan karton kaj botelon da bona vino. *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# ESPERANTO POCKET TEXTBOOK




Poŝa Lernolibro de Esperanto por parolantoj de la angla.

**Propagandila kaj Fontindika Libreto.**

## Mem faru per via komputilo.

**Elŝutu PDF, 2.4 MB aŭ presu la 4 paĝojn sekvantajn**
http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

**kaj mem kreu kopion de la poŝa ŝlosilo per via komputilo.**

La historio de la originala Ŝlosilo ĉe paĝo 7 AE191

**Kiom da tiuj libretoj vi fordonis ĉi semajne??**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★